HAMBURG Esperanto

5/2008

Aŭgusto/Septembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

# Esperanto-Domo vendita

**La 5an de aŭgusto 2008 la du prezidantoj de Hamburga Esperanto-Societo *Kerstin Baasch* kaj *Ralph Glomp* subskribis la vendokontrakton kun *Karsten Schölermann* kiu estas la nova posedanto de nia klubejo.** ►



De maldekstre: Ralph Glomp, Kerstin Baasch, Karsten Schölermann, Eric Seele (afergvidanto f-ao Gladigau), Anne Lebert (Maklerino de Gladigau).
Fotita en la biblioteko de notariejo en Mönckebergstraße, 5.8.2008, 17:49 h

Foto:Wulff

**Karaj legantoj,**

post longa tempo vi nun povas legi numeron de "EHH", kiun redaktis de nove mi. Dum pli ol duona jaro Jürgen Wulff afable transprenis la laboron, unue ĉar mi malsaniĝis kaj ne povis koncentriĝi al iom saĝa skribado, poste pro mia seniluziiĝo kaj ŝajna vaniĝo de mia esperantista laboro, kiam oni decidis vendi la Esperanto-domon. Intertempe mi almenaŭ akceptis la decidon, malgraŭ amara sento – kaj mi de nove aktivas. (→ artikolo *Tridek jaroj*)

*Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 6/2008:**
**15-09-08**

## Sentenco

Stultajn pensojn ĉiu havas,
sed la saĝulo prisilentas ilin.

*Wilhelm Busch*

**ESPERANTO HAMBURG**

**Eldonanto:**
**Hamburga Esperanto-Societo r.a.** • Klaus-Groth-Straße 95
D-20535 Hamburg • Tel: (040) 2 50 30 65
GLS Gemeinschaftsbank eG • BLZ 430 609 67
Konto-n-ro 200 67 16 500

**Prezidantino**:
Kerstin Baasch • Scharpenmoor 74 e • 22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro**: Benno Klehr • Winterhuder Weg 32 • 22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347 • klehr@esperanto-hamburg.de

**Interreta prezento**:
Frank Merla
www.esperanto-hamburg.de • merla@esperanto-hamburg.de

►

Per tio la estraro plenumis la komision de la jarĉefkunveno 2008 por vendi la domon. La vendoprezo estas tute bona. Finiĝas epoko en la historio de la societo en kiu la domo servis kiel renkontejo por la klubaj vesperoj kaj bibliotekejo kaj eĉ presejo en la unuaj jaroj kiam *Germana Esperanto-Junularo* presis en la kelo ekz. *Pasportan Servon*.
S-ro *Schölermann*, la aĉetanto, volas uzi la domon kiel sidejo kaj buroo por siaj du firmaoj kiuj okupiĝas pri grandaj sportaj eventoj en Hamburgo. Li estis luanto de buroo en domo kiun administras la maklera firmao Gladigau (al kiu ni donis la mandaton vendi). Tiel estiĝis la kontakto.
Ni forlasos la domon ĝis fine de aŭgusto. Do ni havos sufiĉe da laboro. Ni multon lasos en la domo ĉar s-ro *Schölermann* ankaŭ tion aĉetis. Sed kompreneble ni kunportos niajn dosierojn kaj Esperantistaĵojn kaj ni devas paki la librojn de nia biblioteko. La librojn ni storos en profesia storejo. Parton de la libroj kaj kelkajn gazetojn ni transdonos al aliaj E-bibliotekoj. Do se vi emas helpi, vi estas bonvena. Turnu vin al la estraro.

**La 14an de aŭgusto ni okazigos pulmerkaton**
por aĵoj kaj libroj kiujn ni ne povos teni.

**Ni havos grandan adiaŭan feston**
antaŭ forlasi la domon, la 23an de aŭgusto.

Ni samtempe festos la naskiĝtagrevenon de nia membro *Hannelore Brunow*. Dum la festo ni memorigos pri la historio de la domo kaj pri membroj kiuj multe laboris por la domo. Ankaŭ gastoj estas bonvenaj. Kaptu la lastan ŝancon festi kun ni en la domo kie ni estis dum preskaŭ 30 jaroj. Sed **ĉiukaze anoncu vin** ĉe *Ralph Glomp* (tel. 040-68 91 36 63 aŭ glomp@esperanto-hamburg.de)

## Atenton!

Ek de Septembro 2008 la kunvenoj de Hamburga Esperanto-Societo okazos en Salonoj 1 kaj 2 de
***Kulturladen St. Georg • Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg***

# Klubkunvenoj en *Kulturladen St. Georg*

Ek de Septembro 2008 *Hamburga Esperanto-Societo* okazigos siajn kunvenojn en **Kulturladen St. Georg**
**Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg**.

La loko estas facile atingebla: Per metroo U1 ĝis stacio **Lohmühlenstraße**, elirejo Steindamm/Stiftstr. maldekstren al maldekstra ŝtuparo;
per aŭto tra la strato Berliner Tor al Alexanderstraße.







www.kulturladen.com

La "**Kulturbutiko"** estas kunvenejo de kultura asocio, kie renkontiĝas diversaj grupoj, kiuj aktivas en la kvartalo *St. Georg.* La ejo disponas pri granda kaj malgrandaj salonoj, eĉ kafejo ekzistas kie oni ankaŭ povas manĝi.



La loko taŭgas por niaj klubkunvenoj, kiam ni ne plu havos nian propran domon. La kulturbutiko estas saĝe organizita por servi al pluraj kluboj ĉar por unu sola la kostoj fariĝas tro altaj – kiel ni mem spertis. Tamen ankaŭ tiu klubo dependas de libervoluluoj.

*Benno Klehr*

# Strata festo en Alexanderstraße




**Ralf, Rainer, Hannelore, Rudi kaj Pia**

La 1an de Junio 2008 la „Kultur-Butiko" – ***Kulturladen St. Georg*** invitis la publikon, konatiĝi kun la aktivaĵoj de la asocio en la kvartalo St. Georg. Kun kafo, kuko kaj kolbasoj oni povis spekti spektakletojn kaj informi sin – ankaŭ pri Esperanto.

Kerstin, Jürgen, Ralph, Jutta, Peggy, Alvaro, Rudi kaj mi prezentis nian belan lingvon al la vizitantoj. Vizitis nian standon ankaŭ Eva Löbel kaj Werner Bormann. Al proponita provleciono dum tiu varma somera tago bedaŭrinde neniu venis.

*Hannelore Brunow*




**Hannelore Brunow kaj Werner Bormann**



**Eva Löbel, Jutta Sültz, Adelheid Semrau-Kopp kaj Peggy Ley**



**Grupo el la Kultur-Butiko prezentas dancadon**

## Aŭgusto 2008 • ankoraŭ en la Esperanto-Domo

**7** Sen speciala programo pro someraj ferioj. **Ĝuu la ĝardenon aŭ helpu ordigi la domon / bibliotekon.**

**14** **Pulbazaro:** Ni ja ĉiuj amasigas utilajn kaj neutilajn aĵojn hejme, do estas la ĝusta tempo por fordoni ilin. Bonvolu kunporti viajn Esperanto-aĵojn kaj komprenble aliajn bonajn aĵojn ne-esperantajn por vendi aŭ interŝanĝi.

**21** Partoprenantoj raportas pri la UK en Roterdamo (Legu sur paĝo 9)

**23** **Sabato**
17a horo:
**Hannelore Brunow** festas sian naskiĝdat-revenon

20a horo:
**Adiaŭa Festo**
La klubanoj lastfoje festas en la *propra domo*

**28** **Ni kune ludas lingvajn ludojn**

La Esperanto-Domo ĵaŭde estas estas malfermita ek de la 19.30 h

**Septembro 2008 • en *Kulturladen St. Georg***

**4** Sylvia Pöhlmann (kaj eble aliaj parto-prenantoj) rakontas pri: **Internacia Junulara Kongreso en Hungario**

**11** Albert Bielenberg kunportos la filmon **„La Patro“**, profesie farita filmo el Brazilo

| | | |
|---|---|---|
| **12** | **Vendredo** | **Festivalo de la kulturoj** |
| **13** | **Sabato** | Bonvolu anonci vian partoprenon |
| **14** | **Dimanĉo** | kiel varbisto por Esperanto ĉe Kerstin Baasch. |

**15 Schnupperkurs en Kulturhaus Alexanderstraße**

**18** Pia Haasis raportas pri **Tibeto**
La prelego enhavos fotojn kaj informojn pri la historio, la regado, la ekonomio, la kulturo, la religio kaj la aktuala situacio.

**25** Ralph Glomp: **Jen venas Glomp!**
Ŝlagroĉielo plena de (dis-)harmonio.
Kantoj kaj veraĵoj pri virinoj kaj viroj.

La **ĵaŭdaj** klubvesperoj komenciĝas 19.00 h; programo 19.30 h

# Alvaro Cortes laboras por la Esperanto-klubo en Aŭgusto



**Malgranda membiografio:**
Mi venas el Kolombio, kaj loĝas en Germanio ek de 1985; Tiam mi venis ĉi tien por studi du jarojn en la universitato, sed poste mi do restis kaj fondis familion.
En 1992 mi konatiĝis kun esperanto per stando en la foiro „Du und Deine Welt". Tiam mi lernis iomete. En Novembro 2004 mi rememoris pri la lingvo, kaj tiam mi decidis lerni ĝin. Hodiaŭ mi, mia granda filo Klaus-Daniel (15) kaj la aliaj infanoj el mia nova familio parolas Esperanton.
Mi ĝojas ke mi povas helpi al la klubo i. a. en la admnistrado kaj organizado de eventoj kaj en la biblioteko. ●

**Bedaŭrinde** Alvaro nur en Aŭgusto povas labori ĉe ni, ĉar la domo estas vendita. ehh

## Hamburg sur Germana 2-Eŭro-monero




La Preĝejo de S-ta Miĥaelo en Hamburg, konata „Michel", ek de 2008 estas videbla sur Germana 2-Eŭro-monero.
ĉiujare la nov-eldono montras Bildon el tiu lando, kiu gvidas la Federacian Konsilion en la respektiva jaro.
La unuopa litero indikas la monfarejon: J = Hamburg (A = Berlin). Dekstre Œ estas la inicialoj de Ernst Ott, la artisto.

# UK Roterdamo

## UEA - jubileo en modernega urbo

[de *Gerald Roemer*]




Jen esperantujo unusemajna, mi-granta ĉiujare de grandurbo al grandurbo, ĉijare kun pli ol 1800 esperantistoj el pli ol 70 landoj. Nun, julie 2008 en Roterdamon, la hejmurbon de Universala Esperanto Asocio, ili venis ankaŭ pro gravega kialo, nome por festi solene la 100-jariĝon de UEA. Hamburganoj tian datrevenon jam lasis malantaŭ si, jam spertas ankaŭ pri aliaj centjariĝoj, nu sed UEA centjara, tio ja estas io! Ni iris multnombre por gratuli kaj kunfesti.

Estis abundega programo, la salonoj por la multaj interesitoj ofte estis tro malgrandaj, ĉefe por allogaj eventoj kiel la inaŭguro kaj fermo de la kongreso kaj por la internacia vespero. Interesaj lingvosciencaj prelegoj pritraktis la cxeftemon de la UK: „Lingvoj - trezoro de la homaro“, kio rilatis al la cxijara „Unesko - jaro de lingvoj“. Okazis Internacia Kongresa Universitato - kun bonegaj fakprelegoj de bonegaj prelegantoj. Estis prelegoj ankaŭ pri Nederlando, la lando de la ĉijara UK, kaj evidentigxis ke tio lando kun vastaj areoj sub marnivelo kaj deltoj de grandaj europaj riveroj, pro la klimatoŝanĝo alfrontos drastajn ŝanĝojn ĝis ebla forlaso de terenoj. Dum „Kleriga lundo“ estis variaj multtemaj prelegoj, ekzemple pri la interreto, pri „Vikipedio“ kaj „Dua Vivo“. Kompreneble eblis viziti la Centran Ofecejo, kaj oni povis multfake fakkunsidi, povis ekskursi, danci, studi la ampleksan oferton de la libroservo ktp. ktp.. Mirige estis la granda


**La kongresejo**



►
nombro de artistaj prezentaĵoj, kreante internacian kulturon. Plej multaj artistoj ludis muzikon de plej diversaj stiloj, sed ankaŭ teatraĵoj kaj eĉ kabaredo allogis la partoprenantaron.
Vidalvide de la kongresejo meze en la centro estas informejo pri Roterdamo mem. La urbo strebas rapide evoluiĝi, montri sin kun bela avangarda arkitekuro kaj en la centro kaj sur la multaj iamaj havenareoj apud la riveroj, kanaloj, akvobasenoj, ĝi celas plian moderniĝon. Ŝuldiĝas la nuna moderneco de la urbocentro parte al preskaŭ tuta forbombardo de la malnova centro en 1940, fare de germanaj militaviadiloj. Fotoj montras similajn bildojn kiel ni konas ilin de Hamburgo 1944. En turo ĉe la kongresejo pendas sonorilo, kio ankoraŭ memorigas pri tiu katastrofo.

Pliaj raportoj pri la 93-a UK Roterdamo sekvos en klubvespero 21.08.08.

---

# Tridek jaroj

En Februaro 1978 mi venis al Hamburg por trovi laborejon. Mi volis lerni la profesion de kuiristo. Tiutempe ankoraŭ ne ekzistis interreto, do mi serĉis informojn pri bonaj restoracioj kaj hoteloj en telefonlibro kaj turismaj informiloj.
Jam troviĝante en Hamburg, mi vizitis mian maljunan Esperanto-instruiston, August Weide, kiu tuj invitis min loĝi en sia domo en Niendorf. Tagmeze mi ricevis manĝon de Edith, la edzino de August, la vespermanĝon mi ricevis en la unua etaĝo, en la loĝejo de Vesna kaj Peter (filo de August kaj Edith). Vesna, kiel multaj aliaj junulinoj, kredis ke ŝi estus tro dika, do ankaŭ mi ĝuis "Brigitte-Diät".
Dimanĉon posttagmeze, kiam ĉiuj estis hejme, la telefono sonoris, kaj alvokis iu sinjorino Elsbeth, kiun mi ne konis. Post la telefonado Peter fariĝis tute hektika kaj diris: „La lavejo estas neŝlosita, ni tuj devas iri al Elsbeth kaj Heinrich por rigardi ĝin." Ili subite foriris, kaj mi tute ne sciis pri kio temas. Nur vespere, kiam ili estis revenintaj, mi eksciis ke Peter telefonis kun sinjorino Wielgus, kies edzo prizorgis ankaŭ la ĝardenon de la najbara domo, kiu estis dum multaj jaroj neuzata iama lavejo. Tiu iama lavejo laŭ ges-roj Wielgus bone taŭgus kiel klubejo.
Vesna kaj Peter estis ravitaj de tiu ideo, ĉar en la klubo oni jam ek de 1962 kolektis monon en la briko-kaso por iam aĉeti domon. ►

►
Post kelkaj monatoj fakte la lavejo fariĝis la nova klubejo.
Willi Schulze, Ellen Eggers kaj sinjorino Fleischhauer, kiuj jam estis pensiuloj, ĉiutage laboris por prepari la kluban salonon. Elsbeth kaj Heinrich Wielgus, Peter Weide kaj aliaj nur povis veni post la deĵortempo aŭ dum semajnfinoj.
Mi intertempe estis trovinta laborejon, do nur malofte venis por helpi.
En Februaro 1979 mi fariĝis protokolanto, do estrarano de HES.
En Majo 1979 la nova klubejo estis inaŭgurita dum 75-jara jubileo de la klubo. Eĉ ĉeestis la distrikta urbestro s-ro Jungesblut kaj nia plej aĝa membro Felix Epstein, tiam 96-jara.
Dum la 80-jara jubileo mi jam estis redaktoro de la kluba informilo, ĉar Thomas Bormann forlasis Hamburgon. Poste mi estis sekretario, prezidanto (1985 - 1997), prezidanto de la landa ligo de GEA kaj bibliotekisto de la klubo.



**Estas mi (!) dum la inauguro 1979**
kaj Johann Eitmann, Herma Rinke, Werner Bernhardt
(Vestaĵo kaj frizaĵo de Franziska "Butoneto" Witters)

Krome mi zorgis pri teknikaj aferoj en la domo, riparis damaĝojn kaj kun helpo de Gerd Tigges, Volker Kraeft, Hannelore Brunow kaj Burkhard Mohrig † konstruis novajn salonon (1986), kuirejon (1991) kaj bibliotekon (1993). En 2003 mi planis kaj organizis novkonstruon de necesejoj. Kiam estas iaj demandoj aŭ problemoj pri la domo mi ĉiam estis kaj estas preta helpi.
En la jubilea broŝuro de 2004 Vesna Staničić-Burchards skribis, ke mi estus la patro de la klubejo. Fakte, la klubejo estis mia infano, pri kiu mi zorgis dum 30 jaroj – kaj mi estas tre trista, ke nun ni devas vendi la domon, ĉar ne plu eblas financi ĝin. Post kiam mi sciis pri la decido, vendi la domon, mi ne plu kuraĝis iri en la domon, ĉar mi tro suferis. Ankaŭ la aliaj iamaj aktivuloj estas tristaj. Tio ne povas konsoli min, sed mi scias, ke mi ne estas sola. Vesna konsilis al mi, akcepti la faktojn, kvankam doloras en la koro. Ankaŭ infanoj iam forlasas la gepatrojn kaj iras proprajn vojojn...
Ĉiukaze mi volas plue engaĝiĝi por Esperanto. Mi restas Esperantisto, iom pli ol nur amiko de la Internacia lingvo.

*Benno Klehr*

# Bongustajn hispanajn manĝaĵojn

## ni kuiris sub la gvidado de Mariko

La 21an de Junio posttagmeze kelkaj membroj de la klubo kaj la familio de Alvaro kuiris en nia klubejo sub la bona gvidado de Mariko tipajn hispanajn manĝajojn kiel “Paella”, “Gaspacho” kaj “Tapas”.
Post unu horoj kaj duono la kuiraĵo estis preta, kaj ĉiuj ok personoj maĝadis eme tiujn frandaĵojn. Ni dankas al Mariko, pro la antaŭa aĉetado de la nutraĵoj kaj ŝia tre bona kuir-gvidado

*Alvaro Cortes*



**Dum la kuirkurso**

